# Etnismo

N-ro 98 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.12.2016



# Ĉinio

## UJGUROJ:

## ĈU RIBELANTOJ AŬ VIKTIMOJ ?

# EN TIU ĈI NUMERO:



**Fotoj sur kovrilpaĝo:**

**Granda:** El Vikimedio, 10.07.2009. Aŭtoro: *Claudia Himmelreich*. Protestoj en Berlino post la ribeloj de julio 2009 en Urumĉio (*Urumqi*).

**Malgranda:** El Vikimedio, 09.10.2005. Dimanĉa bazaro en la oaza urbo *Khotan* de la Aŭtonoma Ujgura Rregiono Ŝinĝjango.


**Informilo pri etnaj problemoj**
La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas *Etnismo*-n sen krompago, normale 2 kajerojn de minimume 36 paĝoj. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 €. La artikoloj publicitaj en *Etnismo* ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la “**IKEL-Informilo**” estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.



**ESTRARO:**
**PREZIDANTO: Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com; etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net
**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch
**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
48 postakutxa. 20400 Tolosa. Gipuzkoa. Eŭskio/EH
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com
**KASISTO: Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@outlook.com
**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ. REVIZIADO:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com
**ESTRARANO:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024 Shupashkar, Ĉuvaŝio, Rusia Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat
**RETEJO: www.etnismo.org**
**FORUMO: etnismo@googlegroups.com**


**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ “tria-monda” lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**), **UNIVERSALA ESPERANTO-** (Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam). Vi povas ankaŭ sendi retmesaĝon al tiu ĉi adreso: financoj@co.uea.org por pagi rekte el via UEA-konto.

**Aliaj pageblecoj:**

- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509** BLZ 370 10050 IBAN: DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64** IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0** IBAN: SE9595000099604200743740, SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku “**ikel-y**” kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi, ke via kompleta kotizo alvenu al la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

**Perantoj**:

- FRANCIO eblas sendi ĉekojn al Alain Favre. (Poŝtadreso ĉi-supre.)
- NORVEGIO Anne Karin Bondhus <akbondhus@jkn.no>

**Eblas reklami en *Etnismo*!**
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6

**Venonta redaktolimdato: 31-a de marto 2017**

# ELDONISTA LETERO
# Aŭtoktoneco kaj sinmortigo

Kvankam disponi pri statistikoj malfacilas, ŝajnas, ke sinmortigo iĝas pli kaj pli ofta ĉe membroj de aŭtoktonaj popoloj. Ne nur ĉe maturaj kaj maljunaj homoj, kiuj vidas ĉiujn kulturajn orientilojn malaperi ĉirkaŭ si kaj perdas sian teritorion favore ekzemple al grandaj ekspluatantaj kompanioj – kaj foje temos pri tio en tiu ĉi numero de ***Etnismo***. Sed ankoraŭ pli ĉe junuloj.

Trafa ekzemplo estas tiu de indianoj en franca Gujano, sudamerika teritorio, parto de Amazonio, kiu politike dependas de Parizo same kiel ĉiuj aliaj metropolaj kaj transmaraj departementoj de Francio. Dum la lastaj jaroj oni konstatis, ke la proporcio de sinmortigoj ĉe indianaj gejunuloj estas inter dek- kaj dudekoble pli alta ol ĉe samaĝuloj entute en Francio.

Tio ne donas aparte belan bildon pri "transmara Francio" kaj, maje de 2015, grupo da senatanoj ricevis de la tiama ĉefministro *Valls* mision esplori tiun fenomenon kaj proponi rimedojn. Tiuj parlamentanoj ŝajne serioze laboris kaj fine de novembro de la sama jaro transdonis 167paĝan raporton al la sama ĉefministro. Antaŭe tia dokumento plej verŝajne trovintus definitivan lokon en iu sekreta tirkesto, sed ĝi nun feliĉe facile troveblas sur la reto kaj legante ĝin oni lernas multon pri la gujana socio kaj la administrado de la lokaj praloĝantoj.

Indianoj estas nun malpli ol dekmil en la tuta teritorio, tio estas 5 % de la gujana loĝantaro. Ili dividiĝas en ses etnojn (po du en la *Arawak*, *Caribe* kaj *Tupi-Guarani* lingvo-familioj), kiuj okupas grandan internan teritorion, dum la aliaj loĝantoj – tre diversdevenaj - ĉefe koncentriĝas sur la marbordo aŭ sur la elfluejoj de grandaj riveroj.

En Francio oni emas insisti pri la moderna aspekto de Gujano, kun ĝia spacbazo *Kourou*, de kie ekflugas la fama, tre sukcese satelitportanta raketo *Ariane*. Tamen, jam je kelkaj kilometroj for de tiu teknologia mirindaĵo, trinkebla akvo, elektro, telefono kaj interreto ne facile alireblas, se entute oni povas pri ili disponi.

Ĉu pro tio abunde, eĉ "epidemie" sin mortigas indianaj junuloj? Kompreneble la situacio estas multe pli kompleksa, kaj tie ĉi oni ne povas detaligi la konkludojn de tiu tre riĉa raporto. Ni tamen insistu pri kelkaj aspektoj: estas ja malfacile por tiuj adoleskantoj elekti inter sia tradicia socio, kun ĉiuj familiaj kaj tribaj ligoj, kaj la moderna mondo, kiujn ili abrupte malkovras, kiam ili frekventas gimnazion aŭ teknikan lernejon en la urbo. Ne nur ilia alkutimiĝo al tiu nova mondo estas malfacila, sed multaj el iliaj samaĝuloj alidevenaj konsideras ilin kiel sovaĝajn arbaranojn – kaj ne malofte plej malestimaj al ili estas junuloj el aliaj diskriminaciataj grupoj, kiel Brazil- kaj Surinam- enmigrintidoj, kiuj tiel facile trovas iujn pli vundeblajn ol sin mem.

La aŭtoroj de tiu raporto faras multajn proponojn por plibonigi la situacion. Entute tiuj solvoj ŝajnas sufiĉe trafaj, almenaŭ provendaj en la nunaj katastrofaj kondiĉoj. Aparte interesaj estas tiuj, kiuj kongruas kun nia etnisma vidpunkto des pli, ke ili devenas de parlamentanoj plene mergiĝintaj en tipe jakobena politika sistemo. Ja indianoj devas plene disponi pri sia kulturo, esti edukitaj unue en sia lingvo – ĝis nun oni uzas nur la francan – kaj havi pli da respondeco sur la propra teritorio, nun invadita (interalie) de orserĉantoj kaj minekspluatantoj, kiuj grandkvante poluas riverojn per tre potencaj toksaĵoj, kun verŝajna influo al la korpa kaj mensa sano de la lokaj akvo-, frukt- kaj viandkonsumantoj. Jen bela sinergio inter kultur- kaj mediprotektado, kiu donus celon al multaj, ebligus al aŭtoktonoj retrovi kaj plialtigi siajn kapacitojn – eĉ uzante modernajn rimedojn - favore al la propra vivmedio. Kion peti pli por la indianaj junuloj de franca Gujano? Tutsimple, ke tiuj senchavaj proponoj vere efektiviĝu.

***Alain Favre***



**Tamen fieraj indianoj el franca Gujano …**

malfacilas, dume la enlanda situacio pli kaj pli malboniĝas por tibetanoj, tamen popola subteno ekzistas en granda parto de la mondo.

Norde de Tibeto, en la provinco Ŝinĝjango (*Xinjiang*), vivas alia etna malplimulto, ankaŭ lingve kaj religie forte karakterizata, pri kiu oni sufiĉe multon aŭdis dum la lastaj jaroj: la ujguroj. Iel ĝia situacio similas tiun de la tibetanoj, tamen gravaj diferencoj ekzistas, kiuj povas ludi grandan rolon en la percepto mem de tiu etno.

## LONGA, KOMPLIKA ETNA KONSTRUIĜO

Kvankam la termino "ujguro" estas malnova kaj rilatas al popolo, kiu okupis antaŭlonge pli-malpli la saman lokon kaj same estis de tjurka deveno, ĝi estis reprenita dum la jaroj 1920-1930 unue de rusaj kaj poste ankaŭ de ĉinaj fakuloj por nomi nuntempan homgrupon, kiu formiĝis ekde la fora mezepoko surbaze de diversaj triboj hind-eŭropaj kaj tjurkaj. Tiuj homoj ne plu estis nomadaj, ili jam delonge stabiliĝis precipe en la sudaj valoj de la nuna Ŝinĝjango (Tarima baseno). Dumlonge ili nomis sin *turki* aŭ eĉ tutsimple islamanoj, tamen bone distingiĝante de aliaj tjurkoj, kiel ekzemple kirgizoj. La konvertiĝo al islamo okazis malrapide, proksimume inter la dektria kaj deksesa jarcentoj – fenomeno komuna al multaj tjurkaj popoloj. Antaŭe budhismo estis la plej influa.

La ujgura lingvo ( ئۇيغۇر تىلى *Uyghur tili*) apartenas al la tiel nomata karluka branĉo de la tjurkaj lingvoj, same kiel la uzbeka. Ĝi estas plej ofte skribata per la araba alfabeto, kun deviga indiko de ĉiuj vokaloj. Ekzistas ankaŭ du latinaj kaj unu cirila literaroj, sed ili estas malmulte uzataj. Oni distingas plurajn dialektojn, kaj iuj fakuloj parolas pri pluraj lingvoj ujguraj, kiuj pli kaj pli kuniĝis aŭ almenaŭ tre influis unu la alian, montrante la buntan devenon de tiu ĉi etno. Laŭ fizika aspekto la ujguroj similas aliajn mezaziajn tjurkojn (ĉefe uzbekojn) sed ofte ankaŭ pli okcidentajn homojn, kiel anatolianojn aŭ mezeŭropanojn.

Hodiaŭ dek milionoj da ujguroj vivas en Ĉinio - preskaŭ ĉiuj en Ŝinĝjango, tamen miloj migris al Pekino kaj al aliaj grandaj urboj de la lando. Pli ol 200 000 troviĝas en Kazaĥio, kaj po 50 000 en Uzbekio, Kirgizio, Sauda Arabio kaj Eŭropa Unio. Kelkmiloj vivas en Nordameriko kaj Aŭstralio. Tiuj diasporoj estas kulture kaj ofte ankaŭ politike tre aktivaj.

## JARCENTOJ DA RILATOJ KUN ĈINIO

La diversaj etnoj, plejmulte tjurkaj, kiuj vivis en tiu regiono en formo de klanoj foje kunfederiĝintaj, jam de longe falis sub la influon de la *Han*-, *Sui*- kaj *Tang*-dinastioj de la ĉina imperio, kiuj emis kontroli la Silkan Vojon. Dum la mezepoko formiĝis gigantaj tjurkaj-mongolaj reĝlandoj, kies armeoj eĉ konkeris



El Vikimedio, majo 2006. Aŭtoro: *Gryffindor*.

**Mura pentraĵo de budhistaj ujguraj princinoj el la groto de la "Mil Budhoj" en *Bezelik*, *Turfan*, apud la tiama "Silka Vojo" en Ŝinĝjango.**

Ĉinion, kaj diversaj ĥanlandoj. Tiel okazis multfoje militoj, kun migradoj de popoloj; meze de la 18a jarcento la dzungaraj mongoloj, kiuj vivis en la norda parto de la nuna Ŝinĝjango sed submetis al si la sudajn valojn, estis amase mortigitaj de la armeoj de la *Qing*-dinastio, kaj pluraj tjurkaj triboj, inter kiuj troviĝis ankaŭ ujguroj, setlis en tiu malplena loko de tiam plene regata de Ĉinio. En 1884 la tuta regiono fariĝis oficiale ĉina provinco, kun siaj norda (Dzungarlando) kaj suda (Tarima baseno ) partoj, kaj



El Vikimedio. 15.08.2008. Aŭtoro: *Gusjer*.

**Ujgura knabino, el la urbo *Kashgar*, vestita de tradicia robo por virinoj.**

ricevis la nomon Ŝinĝjango ("nova landlimo"), sed en la eŭropaj atlasoj oni tiam prefere uzis la esprimon "orienta" aŭ "ĉina" Turkestano. Entute tiun lastan loknomon (sen epiteto) plu ŝatas multaj nunaj ujguroj, precipe tiuj de la diasporoj, kiuj rajtas libere ĝin uzi.



El Vikimedio. 11.12.1986. Aŭtoro: *Urbain J. Kinet*.

**En la bazaro de la urbo Kaŝgaro, ankaŭ sur la antaŭa "Silka Vojo".**

## TUMULTOJ REVOLUCIAJ

En 1911 la *Qing*-dinastio estis renversita. Por Ĉinio kaj aparte Ŝinĝjango komenciĝis tre konfuza periodo, dum kiu regis "militaj sinjoroj"; tamen dufoje, en 1932-1933 kaj 1944, estis proklamita Respubliko de Orienta Turkestano almenaŭ sur parto de la regiono, kun apogo foje de Kuomintango - la tiam reganta partio en Ĉinio - foje de Sovetio. Sed jam ekiris la Longa Marŝado de la komunistoj kaj, en 1949, *Mao Zedong* kaptis la povon sur la tuta lando (krom la insulo Tajvano), kiu fariĝis la Popola Respubliko de Ĉinio. Oficiale la etnaj minoritatoj estis respektataj, kaj Ŝinĝjango iĝis la Aŭtonoma Regiono Ujgura Ŝinĝjango - unu el la kvin aŭtonomaj regionoj de Ĉinio. Urumĉio (*Urumqi*), kiu troviĝas en la norda parto de la regiono, fariĝis la ĉefurbo de tiu regiono, vasta 1 664 897 km$^2$, kiu nun limas kun ne malpli ol ok ŝtatoj: Mongolio, Rusio, Kazaĥio, Kirgizio, Taĝikio, Afganio, Pakistano kaj Barato.

Unuavide oni povus pensi, ke tiu evoluo alportos pozitivaĵojn al la ujgura malplimulto – kiu ene de Ŝinĝjango tiuepoke estis absolute plimulta. Sed oni devas kalkuli kun la forta premo de la hana politika kaj kultura povo, kiu deziris plej zorge regi tiun landliman teritorion.

## JARDEKOJ DE HANA KOLONIADO

Por sekurigi la "ĉinecon" de Ŝinĝjango, plimulte loĝata de tjurkaj, islamaj etnoj, kiuj ankaŭ vivas aliflanke de la landlimo, en la tiama Sovetio, la nova komunisma povo establis la tiel nomatajn Unuojn por Produktado kaj Konstruado en Ŝinĝjango (*UPKŜ*), kiuj konsistis el kuniĝoj de farmbienoj kaj armeaj batalionoj. Tio venigis amase hanojn el centra Ĉinio: oni kalkulas, ke la hana procento de la regiona loĝantaro, kiu estis malpli ol 7% en 1950, altiĝis ĝis atingo de pli ol 37% en 1990.

Reage al tiu koloniado kreiĝis en 1963 la Partio de Orienta Turkestano, kompreneble en eksterleĝa formo kaj en rilato kun la "tuttjurkaj" movadoj, kiuj jam ekzistis same eksterleĝe en la mezaziaj respublikoj de Sovetio.

La enpoviĝo de *Deng Xiaoping*, fine de la sepdekaj jaroj, venigis iom da fleksebleco rilate la etnajn demandojn. La konstitucio adoptita en 1982 agnoskis la aŭtonomion de la regionoj, kie proporcie gravas la etnaj malplimultoj; la uzo de la etnaj lingvoj estis sekurigita, same kiel la praktikado de religioj. La ujgura lingvo povis denove esti skribata pere de la araba alfabeto. Ĝi



El Vikimedio. Aŭtoro ne konata.

**Unua fondo de Respubliko de Orienta Turkestano, *Kashgar* 12.11.1933.**



El Vikimedio. Aŭtoro: *Orange Tuesday*.

**Flago de la Unua Respubliko de Orienta Turkestano (1933-1934).**

estis normale instruata kaj vaste uzata en amaskomunikiloj. Tamen la politiko de *UPKŜ* daŭris kaj la Komunisma Partio, loke estrata kaj de ujguroj "fidindaj" kaj de hanoj, nur spegulis direktivojn venintajn el Pekino.

Islamo pli kaj pli fariĝis forta identigilo de ujguroj; sufiĉe drastaj movadoj kaŝe disvolviĝis, ekzemple tiu de la Islamaj Fratoj. Entute tio ligiĝis al kreskanta kontraŭstaro al la hana superregado.

## 1989-1991… KAJ LA SEKVO

La finon de la 1980aj jaroj signis amasa rifuzo de la komunisma diktaturo ne nur en Sovetio kaj ĝiaj satelitaj landoj sed ankaŭ en Ĉinio. Oni memoras pri la okazaĵoj en Pekino, pli precize sur la placo *Tiananmen*, en la printempo 1989a, kiam masakroj metis finon al semajnoj de demonstracioj. Jam ĉinaj aŭtoritatoj identigis la ĉefaj iniciatantoj ujgurajn aktivulojn inter de tiu revolucia movado.

En Ŝinĝjango ujguroj ribelis dufoje en 1990. Tio kaŭzis kontroladon de la lokoj, kie ili kutimis kuniĝi, interalie moskeoj. Tamen denove okazis gravaj tu-multoj en 1992, en la ĉefurbo Urumĉio same kiel en la sudaj urboj *Kashgar* kaj *Khotan*. Responde Pekino tuj sendis dekmilojn da hanoj en la sudan parton de Ŝinĝjango, kie ujguroj ankoraŭ estis (kaj fakte plu estas) plimultaj.



El Vikimedio. 07.06.2009.

**Protestoj en Urumĉio, la 5an de julio 2009.**

La disfalo de Sovetunio en 1991 ebligis la kreadon de mezaziaj ŝtatoj sendependaj, loĝataj de islamaj tjurkoj. Komence ujguroj povis organiziĝi en tiuj "frataj" landoj, en kiuj multaj el ili jam troviĝis kaj de kie ili planis reziston al la ĉina potenco, sed tio ne daŭris longe: facile Pekino sukcesis aĉeti la helpon de aparte koruptitaj registaroj kaj la ujguraj organizoj devis ĉesigi sian aktivadon; nemalofte aktivuloj estis arestitaj.

Samtempe Ŝinĝjango spertis fortan subpremon. Meze de la 1990aj jaroj miloj da homoj suspektitaj pro simpatio al separismaj movadoj estis enkarcerigitaj kaj multegaj moskeoj estis detruitaj, kune kun la "nesalubra" kvartalo, kie ili troviĝis. En 1997 tridek religiaj respondeculoj estis arestitaj, kio kaŭzis tumultojn, kun dekoj da viktimoj. Du jarojn poste trideko da ujguroj estis arestitaj kiel organizintoj de ribeladoj kaj du el ili estis ekzekutitaj.

### "ĜIHADISMA" EPOKO

La famaj atencoj de septembro 2001 fare de islamaj teroristoj en Usono mem malfermis novan epokon, kiu daŭras ĝis nun. En Ŝinĝjango paradokse la situacio ŝajnis trankviliĝi. Verdire la ĉina registaro estis tre atenta, kaj en 2004 kvar viroj estis ekzekutitaj pro atenco al la ŝtata sekureco.

Kvankam prepariĝanta "sur la retejo" ekde 1996, la tiel nomata Grupo de Ŝanhajo oficialiĝis en junio



El Vikimedio. Aŭtoro: *El GIMP.*

**Strato en la malnova urbo *Yarkand.***

2001; ĝi entenas interalie Ĉinion, Ruslandon kaj ĉiujn mezaziajn respublikojn, kaj okupiĝas ne nur pri ekonomia kunlaboro en Azio sed ankaŭ pri interŝanĝo de informoj inter la sekretaj servoj, ĉefe pri islamismo kaj separismo. Tiel oni povas kompreni, kiel malfacile estas por la ujguraj movadoj trovi solidarecon jam flanke de la tjurkaj landoj.

En aŭgusto 2008, en la urboj *Kashgar* kaj *Kuqa*, du atencoj mortigis 25 policistojn. Julie de la posta jaro, kadre de gravaj manifestacioj, ducent ujguroj estis mortigitaj kaj la vunditoj estis ege multenombraj. Depost tio okazas regule atencoj aŭ agresoj al hanoj, eĉ per tranĉiloj kaj injektiloj (pretende aidos-infektitaj!), sed estas malfacile ekscii kio disvolviĝas reale en tiu periferia, malfacile alirebla regiono de lando, kie la registaro plene kontrolas la informadon. Fore de la prosperiĝanta marbordo, kun malneta produkto daŭre sub la nacia mezumo, Ŝinĝjango tamen jam de longe ricevas apartajn subvenciojn: tio ligiĝas al ĝia plurlandlima situacio, kaj ankaŭ al la sendo de milionoj da hanoj, kiuj ricevis grandan helpon por establiĝi en "fremda", pli-malpli malamika regiono. Post la liberigo de la ekonomio en la oficiale plu komunisma Ĉinio, privataj investoj alvenis tiom pli, ke gravaj rezervoj de hidrokarbonoj estis trovitaj en la subgrundo de Ŝinĝjango. Unuflanke la antaŭvidebla grandskala invado de ĉinaj laboristoj ne favoros la ujguran identecon, aliflanke la venonta ekspluatado – same kiel la bonstato de la jam ekzistantaj oleoduktoj transportantaj gason kaj nafton el Siberio kaj meza Azio – postulas pacan klimaton. Ja tiu nova "Silka Vojo" devas esti plene sekurigita.

Kaj tio ne facilas: en 2013 kaj 2014 tumultoj kaj reprezalioj disvolviĝis en pluraj lokoj kun multaj viktimoj. La aresto en 2014 de la modera aktivulo *Ilham Tohti* plu montras, ke la ĉina registaro elektis duran linion en la traktado de la "ujgura problemo". En aŭgusto 2015 bombo eksplodis en Urumĉio, tri monatojn poste 28 ujguroj estis mortigitaj pro suspekto de atako al karbominejo. Tempaltempe okazas spektaklaj procesoj kun publikaj ekzekutoj en stadionoj, same kiel en la epoko de la Kultura Revolucio.

**DETRUATA IDENTECO**

El la nunaj 22 milionoj da loĝantoj de Ŝinĝjango, 45% estas ujguroj, 41% hanoj, 7% kazaĥoj, 5% hujoj (islamanoj ĉefe de hana deveno kaj ĉinlingvaj), proksimume 1% kirgizoj kaj 1% mongoloj - kelkmil apartenas al aliaj etnoj, kiel taĝikoj kaj tataroj. Kvankam ĝis nun tjurkoj estas plimultaj, tio povus daŭri nelonge. Dum jardekoj la ujgura ludis rolon de *lingua franca* en la regiono, sed nun la ĉina, lingvo de la ŝtato, pli gravas. Kvankam la ujgura plu konservas sian kunoficialecon, la registaro komprenigas al malplimultanoj, ke nur la kono de la ĉina ebligas trovi lokon en la nuna socio. Cetere ekde 2003 la instruo de la ĉina estas deviga en la tuta regiono, kio fakte signifas, ke oni malpli instruas la ujguran. Islamaj ŝtat- kaj eĉ urbfunkciuloj perdus sian laborpostenon, se oni vidus ilin eniri mos-




El Vikimedio. 17.05.2011. Aŭtoro: *Voice of America*

**Profesoro *Ilham Tohti.***

keon ekster la okazoj permesitaj de la Komunisma Partio. Kaj lastatempe ŝajnas, ke tiuj okazoj malpliiĝas: oni devigas ŝtatoficistojn al dumtaga manĝado en la ramadana monato kaj foje enkarcerigas ilin pro tro longa barbo aŭ pro vualo. Ni tamen memorigu, ke laŭ la konstitucio de 1978 praktiko de religio estas libera en Ĉinio – krom, kompreneble, se ĝi minacas la ŝtatan sekurecon…

En Urumĉio, kie ujguroj konsistigas nur 13% de la loĝantaro, la hana plimulto timas la surstratajn senlaborajn junulojn, ofte drogitajn, agresemajn, kiuj foje sukcesas eskapi la landon kaj aliĝi al islamaj geriloj en diversaj partoj de la mondo. Ŝajnas nun, ke ekzistas nur unu eblo por la ujgura junularo: haniĝi, eventuale konservante apartajn vestojn kaj kantojn por la turistoj, kiuj vizitas la permesitajn lokojn - ofte tute rekonstruitajn post forigo de la indiĝenaj loĝantoj - de tiu aparte alloga regiono.

Aparte alloga ankaŭ por atombombaj eksperimentoj: inter 1964 kaj 1996 okazis 46 eksplodoj en la distrikto de *Lob Nor*. Kvankam la loko mem estas kompreneble dezerta, komence oni ne evakuis la loĝantojn en la apudejo kaj la eksplodoj estis aeraj ĝis 1980. Iuj taksis, ke almenaŭ 200 000 homoj mortis pro sekvoj de disradiado, kaj ke multaj novnaskitoj estis misformitaj, sed en la nunaj cirkonstancoj ne eblas kontroli tiajn asertojn.

## Ujgura poemo

Ujgura poezio nuntempe tre viglas. Poetino *Chimengul Awut* (nask. 1973 en *Kashgar*) estas unu el la plej famaj el tiuj verkistoj. En tiu ĉi poemo ŝi elvokas *Nuzugum*, junulino el *Kashgar*, kiu rifuzis edziniĝi al grava ĉina oficisto. Eskapinte lian perfortemon, ŝi fuĝis tra marĉoj sed estis reatingita de du ĉinaj soldatoj. Ponardinte ilin, ŝi poste turnis la klingon kontraŭ sin mem. *Nuzugum* iĝis simbolo de ujgura honesto kaj kuraĝo.

*Nuzugum !*
Kiam mi kriis vian nomon,
Fragmitoj tremetis,
Dornoj segis miajn piedojn,
Vi venis al mi,
Vian ponardon konfidis al mi,
Niaj haroj senbridiĝis,
Niaj roboj ŝiriĝis,
Ĉifonoj en la vento,
Niaj okuloj rigardis al estonto.

El la franca tradukis *Alain Favre*




El Vikimedio, 01.08.2009. Aŭtoro: *Darwinek*.

**La ujgura flago en la egipta bazaro de Istambulo.**

**DEEKSTERA AGO**

Dum malfacilas rezisti en Ĉinio mem, ekzistas pluraj ujguraj organizadoj eksterlande. Iuj agas perforte, atakante ĉinajn simbolojn en tre diversaj lokoj, kiel okazis la 30an de aŭgusto 2016 kontraŭ la ĉina ambasadejo en Biŝkeko, ĉefurbo de Kirgizio.

Kiel jam aludite, ujguroj foje partoprenas en islamaj militoj, kiel ekzemple membroj de la Islama Movado de Orienta Turkestano aŭ pli ĵuse de la Islama Partio de Turkestano (organizaĵoj verŝajne interligitaj), kaj tio okazas jam delonge: en 2002 dudek du ujguroj estis arestitaj en Afganio kaj kondukitaj al la fifama militbazo *Guantanamo*. Kvankam malfacilas konfirmi tiun aserton, multaj fakuloj pri islama ĝihadismo opinias, ke inter la batalantoj de Daiŝo troviĝas pluraj centoj, eble pluraj miloj da ujguroj. Ŝajnas ankaŭ, ke lastatempe en Alepo ujguraj militistoj partoprenis en la lukto kontraŭ la siria reĝimo, kaj verŝajne aliaj iris batali ĝis Sahelo. Tio vere kontribuas al la malbona flanko de la bildo pri la ujgura popolo, bildo bone ekspluatita de la ĉina reĝimo, kiu ne povas same fari kun la pacemaj (tamen foje vigle demonstraciantaj) tibetanoj.

Sed ĉu ekzistas "demokratiaj", neperfortemaj ujguraj organizoj? Unu el la plej aktivaj, kun tre detala retejo, estas la *Uyghur American Association* kiu agas ĉefe en Usono, kun *Alim Seytoff* kiel prezidanto; en ĝia sta-



El Vikimedio. ***Rebiya Kadeer* en UNO dum la Forumo pri Minoritatoj, 02.03.2012.**

tuto oni povas legi, ke ĝi subtenas la rajton de la ujgura popolo uzi demokratiajn rimedojn por determini sian politikan estontecon (menciiĝas ankaŭ la rajtoj de aliaj etnoj de Ŝinĝjango). Tiu asocio membras en la Tutmonda Ujgura Kongreso, fondita en 2006, kies prezidantino estas *Rebiya Kadeer*. Tiu virino, naskita en 1946, havis eksterordinaran vivon. Devenante de malriĉa ujgura familio, post multaj malfacilaĵoj ŝi sukcesis fariĝi prospera entreprenisto, okupiĝante interalie pri mikrokredito, kaj elektiĝis en la Konsulta Politika Konferenco de la Ĉina Popolo. Tute neatendite, dum plena kunveno en Pekino, fronte al la plej gravaj ĉinaj estraranoj, ŝi tre aperte kaj memcerte denuncis la neakcepteblan situacion de la ujgura popolo kaj interalie la krimojn de la ĉina polico en ŝia regiono. Ne longe poste, en 1999, ŝi estis arestita en Urumĉio kaj kondamnita je ok jaroj da enkarceriĝo, el kiuj du en izolita kaj senluma ĉelo. Pro subteno de la usona administracio kaj interalie de ties ministrino pri eksteraj aferoj *Condoleezza Rice*, ŝi estis liberigita en 2005 kaj povis retrovi sian edzon jam rifuĝintan en Usono kaj kvin el siaj dek unu infanoj, dum tri el ili estas nuntempe enkarcerigitaj en Ĉinio. De deko da jaroj, *Rebiya Kadeer* trairas la mondon diskonigante la ujguran problemon kaj la mankon de demokratio en Ĉinio. Ne malfacilas bildigi al si, kiom da premoj kaj minacoj ŝi ade ricevas. Dum ĉiuj el ŝiaj prelegoj intervenas ĉinaj "studentoj" por kontraŭi ŝiajn eldirojn, dufoje ŝi havis trafikakcidenton pro kolizio kun veturilo… de ĉina ambasadejo. Oni jam plurfoje proponis ŝin por la Nobelpremio pri Paco, sed kiu riskus malkontentigi tiom potencan, minacan landon, kia nun estas Ĉinio? Kvankam la dalailamao tiun premion ricevis en 1989 – alte simbola jaro!, ŝi devos longe atendi… Same kiel granda parto de la mondo delonge atendas demokratiiĝon de Ĉinio, vastega lando kun profunda, fascina kulturo, kiu en la pragmate konsiderata realo nenion riskas flanke de siaj malplimultoj… krom eble se ĝi daŭre tiom mistraktos ilin.

***AF***



El Vikimedio, 20.08.2009. Aŭtoro: www.flickr.com/photos/dperstin/.

**Ujguraj infanoj en la malnova urbo de *Hotan*.**

*Alain Favre*

# UJGUROJ: ĈU RIBELANTOJ AŬ VIKTIMOJ?

## ENKONDUKO

Ĉinio estas la plej loĝata lando en la mondo kaj unu el la plej vastaj. 92 % de la loĝantoj estas hanoj, do membroj de la reganta etno. La 8 % aliaj dividiĝas inter 56 oficiale agnoskitaj minoritatoj. Teritorie la situacio ŝajnas pli ekvilibra: la tiel nomataj aŭtonomaj regionoj, en periferia situacio, okupas grandan parton de la tutlanda teritorio; sed temas ĉefe pri arbaraj, altmontaraj kaj dezertaj regionoj, delonge multe malpli dense loĝataj ol la hana kerno de la lando.

Plurfoje en la tre longa historio de la "centra imperio" anoj de periferiaj etnoj – tjurkoj, mongoloj, manĉuroj – invadis Ĉinion, kaptis la imperiestran povon kaj fondis dinastiojn. Sed rapide tiuj novaj regantoj tute haniĝis. Dum la Granda Muro milite ne tiom efikis, la forta kulturo de la Imperio rolis kiel vera protektilo de la hana nacio.

Hodiaŭ plej multaj el tiuj minoritatoj fariĝis nombre malgravaj (nur 18 havas pli ol unu milionon da homoj), perdis grandan parton de siaj karakteriziloj, entute folkloriĝis kaj aperas sur registare aprobitaj revuoj kaj filmoj en brilaj kostumoj dum tradiciaj festoj kaj dancadoj. Ili rajtas je reprezentantoj en diversaj konsilantaroj, sed temas pri bone elektitaj delegitoj, plene sur la linio de la Komunisma Partio. Tamen precipe du el tiuj etnoj aparte zorgigas la ĉinajn instancojn kaj ĉefe pro tio fariĝis konataj en la tuta mondo.

Temas unue pri la tibetanoj, "definitive" aneksitaj fine de la kvindekaj jaroj de la dudeka jarcento. Ilia religia kaj politika suvereno (la famega dalailamao), ekziliĝis kaj nun ekzistas forta kaj influa diasporo, kiu batalas por konservi la lingvon kaj religion, eventuale por regajni almenaŭ iom da politika aŭtonomeco flanke de la ĉina ŝtato. Tiu batalo ja tre




Blanka mapo el Vikimedio. Aŭtoro: *ASDFGHJ.*

**Situo de Ŝinĝjango ene de Ĉinio.**

*Nicole Margot*

# KIAM NATURPROTEKTANTOJ MALRESPEKTAS LA PRAPOPOLOJN

**ĈU VI KONAS LA BAKAOJN?**
Temas pri etno apartenanta al la pigmeoj (1), aŭ "popoloj de la arbaro", kiel mem nomas sin la pigmeoj, pro la fundamenta rolo de la arbaro en ilia kulturo, en ilia nutrado kaj en ilia historio. La pigmeoj, popolo de ĉasistoj-fiŝkaptistoj-kolektantoj, vivas en la tropikaj arbaroj de centra Afriko kaj frontas gravajn problemojn, kiel rasismon, detruon de la arbaro, sed ankaŭ decidojn pri konservado de la naturdiverseco. La afrikaj pigmeoj grupigas ĉirkaŭ dekduon da etnoj. La plej konataj estas la grupo de la medzanoj, en Kameruno landlime kun Niĝerio; tiu de la mbengaoj inter kiuj oni trovas la akaojn en Centrafrika Respubliko kaj Respubliko Kongo kaj la bakaojn; tiu de la mbutioj kun la efeoj, asoaoj, kangooj, kaj tiu de la tvaoj. Ĉiu etno parolas apartan lingvon kaj ĉasas per apartaj teknikoj, sed ili kundividas fortajn ligojn kun la arbaro, kaj *Jengi*, la spirito de la arbaro, estas unu el la malmultaj terminoj komunaj al ĉiuj pigmeaj etnoj.

Projektoj por protekti la biodiversecon forpelis multajn el ili for de ilia pramedio. Kaj la etaj terpecoj, kiuj restas al ili, estas detruataj de arbara ekspluatado aŭ de intensa kultivado kaj de buĉada komerco, diras la Ne-Registara Organizaĵo *Survival International* (2).

Malmultaj el tiuj etnaj komunumoj estis finance kompensitaj pro la perdo de sia medio, kiu de tiom longe ebligis al ili aŭtonoman vivon. Tio kondukis al ekstrema malriĉeco, sanproblemoj kaj detruo de ilia identeco je la limo de ilia prateritorio. Oni povas rimarki, ke la arbaraj popoloj, kiuj povis resti sur sia tradicia teritorio, ĝuas pli bonan sanon ol tiuj, kiuj estis forpelitaj.

Tiujn gravegajn problemojn kaŭzas ĉefe la neagnosko de iliaj teritoriaj rajtoj, kiel popolo ĉasista-kolektista kaj la neado, en multaj afrikaj ŝtatoj, de ilia statuso de indiĝena popolo. Se la ŝtatoj ne agnoskas ilian rajton al la arbaroj, de kiuj ili dependas, eksterlandanoj aŭ la ŝtato mem povas kapti ilian teri-




Blanka mapo el Vikipedio. Aŭtoro: *Denis Jacquerye Moyogo*.

**Situo de kelkaj pigmeaj etnoj en centra Afriko, skribitaj nigre. La majuskligo indikas etnajn grupojn, entenantajn diversajn etnojn.**

torion sen leĝa obstaklo kaj sen pagi al ili iun ajn kompenson. Perdante siajn tradiciajn vivkutimojn kaj siajn terojn ili ektrovas sin malsupre de la socia skalo, viktimoj de ĝeneraligita diskriminacio.

Por solvi etnajn problemojn, pluraj afrikaj ŝtatoj, kiel Ruando aŭ Respubliko Kongo, klopodas antaŭenigi la ideon pri "unu sola ŝtato, uno sola etno", neante tiel al la pigmeaj popoloj specifan agnoskon. La pigmeoj estas do malmulte reprezentataj en la politikaj strukturoj de la ŝtatoj, kie ili vivas. Tio des pli senpovigas ilin en la lukto por konservi siajn teritoriojn, kaj ili ofte estas ekspluatataj per deviga laboro en agrikulturaj firmaoj kun salajro malpli alta ol tiu de similaj laboristoj.

Plej multaj el iliaj arbaroj riĉas en specioj, kaj tio kondukas al vigla rivaleco inter la arbaraj ekspluatantoj kaj la konservemaj ekologiaj medioj. En 1991 la Buindi-arbaro en Ugando estis deklarita Nacia Parko (3). Tial la tva-popolo (4) estis forpelita kaj iliaj membroj ne plu rajtas tie ĉasi kaj kolektadi. Pri la kreo de tiu parko ili ne estis konsultitaj, kaj malmultaj el ili estis sendamaĝigitaj, dum la ekspluatantaj posedantoj, trudantaj al ili sian intensan agrikulturon, ricevis financan kompenson. La eksterlandaj turistoj alte pagas por vidi la gorilojn de la Parko Buindio. Tiu mono rekte eniras la kasojn de la uganda registaro sen iel ajn koncerni la unuajn posedantojn de tiu tero.



*© Survival International.*

**Ekde kiam la bakaoj estis perforte forpelitaj el iliaj arbaroj, ilia sano deklinas. Ili vivas nun borde de stratoj kaj forte riskas kapti malsanojn kiel ekzemple malarion.**



*Survival International. © Selcen Kucukustel/Atlas.*

**Ekde generacioj, la bakaoj ĉasas kaj plukas por siaj bezonoj en la tropika arbaro de centra Afriko.**

## BAKAOJ

La bakaoj, el la mbengaa grupo, loĝas en Kameruno, en la Respubliko Kongo, en la Centr-Afrika Respubliko kaj en Gabono. Ili ne devas esti miksitaj kun la bakaoj de Sud-Sudano kaj Demokratia Respubliko Kongo, kiuj parolas lingvon nomatan same bakaa, sed apartenantan al la lingvoj nilo-saharaj. La bakaoj el Kameruno kaj Gabono parolas ubangi-lingvon, kiu estas lingvofamilio apartenanta al la lingvoj kongo-niĝeraj (5). Tiu lingvo povas skribiĝi laŭ pluraj manieroj, ne ekzistas oficiala ortografio. Tamen ekde 2009 la kameruna Ministrejo pri Scienca Esplorado kaj Novigo rekomendis ortografion bazitan sur la ĝenerala alfabeto por la kamerunaj lingvoj. Tiu ĉi alfabeto, mem bazita sur la latina alfabeto, originas el la bantua alfabeto (1979).

Inter 40 000 kaj 70 000 bakaoj vivas en Kameruno, kie ili verŝajne estas la plej frua popolo, en regiono apartenanta al la Kongo-baseno (6). La Vikipedia artikolo en esperanto diras, ke ilia socio estas organizita laŭ vira linio, kio signifas, ke la junaj edzinoj transloĝiĝas al la domo de la edzo, tamen dum proksimume kvin jaroj la paro povas elekti la edzinan lokon por vivi. La sama artikolo klarigas ankaŭ, ke la bakaoj solvas internajn problemojn laŭ konsentprincipo, per konfliktevitado aŭ sorĉado. Je malfacilaĵoj kun eksteruloj ili nuntempe pli kaj pli turnas sin al la vilaĝestro aŭ al la polico, kiel ŝtate legitimitaj aŭtoritatuloj. Post ilia forpelo el la propraj terenoj ili pli kaj pli fariĝas etkamparanoj kaj dependas de agrikulturo.

## PLENDO KONTRAŬ *WWF*

Februare de tiu ĉi jaro *Survival International* metis plendon kontraŭ la Fondaĵo Tutmonda por la Naturo (*WWF*) ĉe la Organizaĵo pri Ekonomiaj Kunlaboro kaj Evoluigo (OEKE) (7).

Ni povas legi en la svisa gazeto *Le Courrier* (11.11.2016) (8): «Tiu NRO, defendanto de la indiĝenaj popoloj, akuzas *WWF* ke ĝi trejnas kaj financas faŭngardistojn kulpajn je mistraktoj kontraŭ la bakaoj, vivantaj ĉe la limo de la naciaj parkoj *Lobeke*, *Boumba Bek* kaj *Nki*, en la sudoriento de Kameruno.» Reprezentantoj de *Survival International* «plurfoje iris surloke aŭskulti viktimojn kaj observantojn, inter kiuj ankaŭ eksdungitojn de *WWF*». Ĝi kolektis 42 kazojn de mistraktoj, atestitaj de doktoraj raportoj kaj okazintaj inter 2001 kaj 2014: minacoj, timigoj, incendio de kampoj kaj vilaĝoj, frapadoj, torturoj, mortigoj, kies kulpintoj estis la faŭngardistoj.

Laŭ *Le Courrier*, la unua riproĉo de *Survival International* al *WWF* estas ties kontribuo «al la elloĝigo de la bakaoj.» Laŭ ili «*WWF* financis la loĝistikon necesan al la kreo de protektaj areoj; ili ne povis ignori, ke la Ministrejo pri Arbaro kaj Faŭno en Kameruno apogas sin sur iu arbara kodo, kiu klasifikas la protektitajn areojn kiel "konstantajn ŝtatajn arbarojn", kun la konsekvenco eksproprietigi la kutimrajton de individuoj, familioj kaj komunumoj pri la koncernaj terpecoj.» La dua riproĉo estas la militista aliro de *WWF*, kiu trejnas la gardistojn kaj la Rapidintervenan Bataljonon kontraŭ Ŝtelĉasistoj (*BIR*) (9), provizante ilin per veturiloj kaj armiloj». «Multaj bakaoj plu iradas sur siajn praajn terojn por ĉasi etajn bestojn, kapti salikokojn, pluki medicinajn plantojn kaj sovaĝajn mangojn, kaj plenumi tradiciajn ritojn, je la risko renkonti faŭngardistojn akompanatajn de la homoj de *BIR*, kiuj patrolas, peze armitaj.»

La enplektiĝo de la tutmondaj naturprotektantoj de *WWF* mirigas des pli, ke en la paragrafo 30 de la Principdeklaro de *WWF* Internacia oni povas legi: «*WWF* ne kuraĝigas, nek subtenas, kaj povos aktive kontraŭstari, la projektojn kiuj ne antaŭe ricevis la liberan, scibazitan konsenton de la koncernataj indiĝenaj komunumoj aŭ, kiuj rekte aŭ nerekte difektus la medion de la teritorioj de la aŭtoktonaj popoloj kaj minacus iliajn rajtojn. Tio inkludas ekzemple la kreon de protektitaj areoj aŭ la enkondukon de limigoj en la uzo de vivrimedaj fontoj.»

«En 2014, post pluraj atentigoj esprimitaj de *Survival International* kaj aliaj NRO-j, *WWF* agnoskis la ekziston de malrespektoj kaj iniciatis enketon, kondukitan de sendependaj fakuloj, kunlabore kun la Nacia Komisiono de la Homaj Rajtoj kaj Liberecoj en Kameruno. Kvankam *Survival International* ne povis havigi al si la raporton de tiu ĉi misio, unu el tiuj fakuloj konfirmis al *Le Courrier*, ke homrajtaj malrespektoj kontraŭ la bakaoj ja estis konstatitaj.»



*© Salomé/Survival.*

**Pigmeoj el centra Afriko forpelitaj el sia arbaro.**

## OEKE EMBARASITA

La unuan fojon iu NRO metas plendon kontraŭ alia NRO ĉe la Organizaĵo pri Ekonomiaj Kunlaboro kaj Evoluigo. «Ni devas nun ekzameni ĉu NRO-j povas esti konsiderataj kiel multnaciaj firmaoj laŭ la senco de la direktivoj de OEKE kaj ĉu tiuj lastaj aplikendas ankaŭ al ili.» *Michael Hurran*, respondeculo pri kampanjoj por *Survival*, opinias, ke «NRO devas respekti la samajn normojn kiel entreprenoj. *WWF* estas enorma organizaĵo, kiu havas la rimedojn por plenumi konvenan laboron (182 milionoj da svisaj frankoj enspezitaj en 2015, laŭ *Le Courrier*). Se la grandaj organizaĵoj por naturprotektado povas eskapi punojn dum ili financas malrespektojn de homrajtoj, kiujn esperojn ni povas havi por ke la multnaciaj firmaoj aŭ la registaroj kondutu respondece?»

Se OEKE trovas la plendon allasebla, *Michael Hurran* esperas, ke *WWF* estos devigata respekti siajn proprajn principojn pri la rajtoj de la indiĝenaj popoloj, kaj ke la bakaoj ricevos financan subtenon por validigi siajn rajtojn al la propra tero. Li ankaŭ atendas starigon de serioza kontrolo pri la agado de la faŭngardistoj kaj la certecon ke la bakaoj povos esprimi propran konsenton al ĉiu venonta agado. La plendo estas metita kontraŭ *WWF* Internacia ĉar ĝi leĝe respondecas pri la agado de *WWF*-Kameruno.

## LA PRAPOLOJ OFERITAJ SUR LA ALTARO DE LA BIODIVERSECO

*Le Courrier* raportas ke, laŭ *Survival International*, 100 000 personoj jam estis forpelitaj de siaj teroj en Barato, 500 000 minacitaj de forpelo en Tajlando kaj 50 000 translokitaj en Afriko. Tio okazas nome de la protektado de biodiverseco, de la lukto kontraŭ la tutmonda varmiĝo, sed ankaŭ por produkti novajn gajnojn dank'al turisma aktiveco.

En sia lasta raporto, *Vicki Tauli-Corpuz*, speciala raportistino pri Homaj Rajtoj de la Indiĝenaj popoloj ĉe UN, avertas pri la grandega distanco inter, unuflanke la intencoj de la leĝaj internaciaj normoj, la internaj gvidlinioj de organizaĵoj kiel WWF, kaj Unuiĝo Internacia por Konservado de la Naturo (UIKN), kaj aliflanke la surterenaj realaĵoj: «en 2014




***© Survival International.***
**La ekogardistoj financitaj de WWF forpelis la bakaojn el ilia arbaro.**

malpli ol 5% de la protektitaj areoj estis mastrumataj de la indiĝenaj popoloj, malgraŭ ke ili estas la plej bonaj konservantoj de la naturo: 80% de la areoj la plej riĉaj en biodiverseco troviĝas sur iliaj teroj.» La naciaj leĝoj ja malfortas en sia rolo protekti la rajtojn de la indiĝenaj popoloj, sed la organizaĵoj por naturprotektado devus uzi sian influon ĉe la ŝtatoj, kie la homaj rajtoj ne estas garantiitaj, kaj ili povus simple rifuzi engaĝiĝi en novajn projektojn por protektitaj areoj se la homaj rajtoj de la koncernaj komunumoj ne estas respektataj.

Kio estas la naturaj parkoj sen siaj loĝantoj, demandas sin *Survival*. Surscenigita sovaĝa naturo kun akvejoj proksimaj al la hoteloj por logi la bestojn, kaj belvidejoj de kie la turistoj povu foti, dum la ĉirkaŭaj arbaroj ekspluatatas pli ol iam ajn antaŭe?

## LA FRANCA ENTREPRENO *ROUGIER* PRI ARBARA EKSPLUATADO

*Survival* aparte kritikas la francan entreprenon *Rougier*, oficialan partneron de *WWF* en la kadro de *Global Forest & Trade Network* (*GFTN*) (10), kiu reklamas pri sia bona arbara mastrumado kaj respondeca komercado sed kiu, laŭ *Survival*, senarbigadas vastan areon de tropika arbaro en la sud-oriento de Kameruno (600 000 ha, kio superas tion, kion la kameruna leĝo permesas), sen la konsento de la bakaaj komunumoj. Ilia arbo-dehakado, pli alta ol permesite, kondukas al eksterleĝa eksporto de rara ligno. Raporto de Europa Unio, verkita en 2014, asertas, ke ĉiuj arbaraj entreprenoj en Kameruno laboras senleĝe, eĉ la entreprenoj legitimitaj de la siglo *FSC* (*Forest Stewardship Council*) (11).

Antaŭ nelonge *Survival* skribis al la direktoro de *Rougier* por demandi, ĉu li opinias, ke lia entrepreno ricevis la konsenton de la bakaoj por ĝiaj aktivadoj sur bakaaj teroj. Li simple respondis, «ke la bakaaj komunumoj sciis pri nia ĉeesto kaj nia aktivado». Laŭ la kamerunaj leĝoj la bakaoj estas konsiderataj kiel simplaj ŝtelĉasistoj kaj en mapo realigita de *Rougier* la bakaaj arbaraj kampadejoj estas indikitaj kiel ŝtelĉasistaj kampadejoj.

*WWF* laŭdis la entreprenon *Rougier* kiel la plej honestan eksportiston de tropika ligno. *Stephen Corry*, direktoro de *Survival International*, asertas, ke *WWF* estas pli interesita pri la subvencioj de la grandaj entreprenoj ol pri la zorgado de la naturmedio.

Espero tamen leviĝas por la indiĝenaj popoloj: je la lasta kongreso de UIKN, lastseptembre, ili ricevis la rajton membriĝi en la organizaĵo. Ĉu la ŝanĝo venos deinterne? demandas la artikolo de *Le Courrier*.



***Survival International. © Bernard Bangda.***
**La entrepreno Rougier malarbarigas la tropikan arbaron en la oriento de Kameruno.**

## RESPONDO DE *WWF*-KAMERUNO

*Le Courrier* informiĝis per retmesaĝo ĉe *Hanson Njiforti*, direktoro de *WWF*-Kameruno, kiu ne respondis koncerne la rolon de *WWF*-Kameruno en la forpelado de la bakaoj el iliaj arbaroj okaze de la kreo de la tri naciaj parkoj inter 2001 kaj 2005, nek al la asertoj de forkaptoj kaj mistraktadoj, kiuj onidire okazis en iliaj bazoj.

Sed *Hanson Njiforti* aludis la decidojn prenitajn de *WWF* por provi ĉesigi la perfortojn kontraŭ la bakaoj: «Ni sisteme informas la kamerunan Ministrejon de Arbaroj kaj Faŭno pri la akuzoj nin atingintaj, kaj ni petas ĝin starigi internajn enketojn.» Koncerne la plej novajn, *WWF* asertas esti informinta la Ministrejon de la Sociaj Aferoj kaj la nacian Komisionon pri Homaj Rajtoj kaj Libereco, kaj esti proponinta sian subtenon por organizi sendependajn enketojn.



El Vikimedio. 17.04.2005.

**La Gorila Monto en la Buindi-arbaro (p. 12).**

*Hanson Njiforti* ankaŭ klarigas, ke *WWF* kunlaboras kun sendependa NRO defendanta la prapopolojn, por plibonigi la nombradon kaj la kontrolon de la plendoj antaŭ ol sendi ilin al la koncernataj ministrejoj. «Ni atentigis la reprezentantojn de la registaro, ankaŭ tiujn de la ministrejoj, pri la fakto, ke *WWF* ne pretas toleri la perfortajn agadojn de la faŭngardistoj kontraŭ la bakaoj aŭ kontraŭ iu ajn loka komunumo.» Kaj *WWF*-Kameruno ankaŭ konfirmas, ke la trejnadoj, kiujn ĝi organizas por la faŭn-gardistoj, enhavas punkton pri respekto de la homaj rajtoj flanke de la dungitoj. La internaj reguloj tre striktas, interalie por respekti la rajtojn de la aŭtoktonoj, kaj ili povas iri ĝis maldungo, kaze de pruvita malrespekto, sed tio neniam okazis, diras li.

*WWF* antaŭvidas rektan partneradon inter la organizaĵoj pri naturkonservado kaj la indiĝenaj komunumoj kiuj vivas sur protektitaj areoj. *Hanson Njiforti* anoncas, ke *WWF* ludis ŝlosilan rolon por starigi, en *Molundu*, en la sudoriento de Kameruno, la unuan arbaron rekte mastrumatan de la bakaoj.

## KION SUR LA RETEJO DE *WWF*?

Malfacilas trovi en la retejo de *WWF* reagon pri tiu temo. Iu artikolo titolita: «Ĉasado por konservado?» koncernas la sudorienton de Kameruno kaj la bakaojn. La artikolo komenciĝas per festo en bakaa vilaĝo, *Lantjoue*, rande de la tropika arbaro. Oni ne diras, kial la vilaĝo situas rande kaj ne en la arbaro. La vilaĝanoj festas alvenon de mebloj por vilaĝa lernejo pagitaj de *WWF*. Tiu donaco okazas kadre de projekto subtenanta "konserveman ĉasadon", direktita de *Leonard Usongo*.

De deko da jaroj konstruiĝis densa reto da stratoj en la regiono, kio venigis multnombrajn kamionojn. La loĝantoj tiam malkovris la ŝancon vendi viandon el la arbaro, inkluzive gorilan, je prezo neimagebla por ili, al la ŝoforoj de la kamionoj, kiuj mem revendis la viandon altpreze en la bazaroj de Jaundeo kaj Dualao. La nuna *WWF*-projekto celas limigi la ĉasadon al la nuraj vivbezonoj de la lokaj popoloj. En la ĉirkaŭaĵo de la vilaĝo vivas la bongoa antilopo (*Tragelaphus euryceros*), ege malofta kaj ŝatata de la fotoĉasistaj turistoj, pretaj pagi enormajn sumojn por foti iun el tiuj specioj. Parto de tiu sumo estas redonata al la vilaĝanoj por pagi plibonigojn en sia vilaĝo, kiel ekzemple lernejan meblaron. Tiu projekto ankaŭ kontentigas iun belgan arbaran firmaon, kiu ekspluatas la ĉirkaŭan tropikan arbaron kaj deziras ricevi la *FSC*-ateston pri respondeca ekspluatado. La certigo, ke neniu ŝtelĉasado okazas en ilia ekspluata areo, estus pluso por la akiro de la atesto. Tiu ĉi familia entrepreno, kiu dehakas tropikajn arbojn de 30 jaroj, volas demonstri «kiom bonas ilia industrio por la ar-




Mapo adaptita el iu de Vikimedio.

**Tie, sudoriente de Kameruno, okazas la programo *Jengi*.**

baro kaj por la lokaj loĝantoj». Oni povas tamen forte dubi pri la honesteco de arbara ekspluatado en tropika arbaro protektita!

Alia *WWF*-projekto en la regiono estas la *Jengi*-programo (vidu la unuan alineon de tiu ĉi artikolo) en la naciaj parkoj *Lobéké* (217 854 ha), *Boumba-Bek* (238 255ha), *Nki* (309 362 ha) kaj la arbarpeco *Ngoyla Mintom* (943 000 ha). Tiu projekto, kiu prenis pigmean nomon indikantan la spiriton de la arbaro, celas plibonigon de la arbara ekspluatado, lokalizadon de la areoj, kie la bakaoj trovas siajn vivrimedojn, por intertrakti pri rajtigiloj kaj kunlaboro kun la bakaaj komunumoj en la mastrumado de tiuj parkoj. *WWF* asertas, ke nenie en Kameruno la naturmedio estas tiom minacata. La ĉefaj minacoj estas: transformiĝo de la tropikaj arbaroj en agrikulturajn terojn, ŝtelĉasado kun ŝakrado, mineja ekspluatado, sporta ĉasado ktp. La subkuŝantaj faktoroj laŭ *WWF* estas manko de politika harmoniigo, malbona respekto de la leĝoj kaj malriĉeco.



Vikimedio. 18.05.2006, Aŭtoro: *Imakjak.*

**Kuna aŭ tula virino el la insuloj *San Blas* (Panamo).**

## COP 13, KONFERENCO POR LA BIODIVERSECO EN KANKUNO, MEKSIKO

Dum la pretigo de tiu ĉi artikolo okazas la 13a konferenco de UN por la biodiverseco (4-17 decembro 2016). Reprezentantoj de koncernataj indianoj ĉeestas marĝene de la konferenco. Ili ĉefe protestas pri la forpelo de la majaoj el la gvatemala Natura Parko *Semuk Champay*, kie oni eĉ konsideras ilin kiel invadantojn. Traserĉante informojn pri tiu natura parko sur la reto, oni ĉefe trovas turismajn informojn aŭ artikolojn pri la arkeologiaj monumentoj en la Nacia Parko *Tikal*, tutmonda heredaĵo de Unesko. En la retejo de la vojaĝagentejo *Aventures Tropicales* oni legas, ke “aŭtentaj majaoj” instruas pri la medikamentaj plantoj laŭlonge de la turistaj itineroj de tiu ĉi agentejo.

«Ni volas, ke la vizitantoj povu eniri la Naturan Parkon *Semuk Champay*.» asertis majao en la romanda radio (12). «Sed ni povas prigardi kaj administri tiun teritorion multe pli bone ol la registaro, kiu eĉ ne konsideras nin.»

Kompare kun la rajtoj de la praloĝantoj de Afriko, tiuj de la indianoj en Centra Ameriko estas multe pli respektataj. La ĵurnalistino de tiu radioelsendo substrekis, ke «la indianoj sukcesis agnoskigi siajn rajtojn sur ĉirkaŭ 65% de la arbaroj en tiu regiono! Estas rekordo.» «Ĉu la registaroj sentas la postulojn pri aŭtonomio de tiuj komunumoj kiel minacon?» «Jes, ili timas perdi la regon super tiuj ekologiaj areoj kaj doni tro da aŭtonomio al la lokaj popoloj, kiuj sin orientas laŭ propraj praaŭtoritatoj.» *Maximiliano Ferrer*, gvidanto de la guna-popolo (13) en Panamo, minimumigas: «la indianaj komunumoj volas dialogon, pli ol absolutan povon, sur siaj teritorioj. Ni sentas nin minacataj de tiuj malbonaj politikoj kaj de la neagnosko de nia aŭtonomio. Ne temas pri kreo de ŝtato en iu ŝtato aŭ de respubliko ene de la Panama Respubliko! Ni respektas la leĝojn, kvankam ni ne partoprenis ilian kreadon. Ni estas minacataj de la fakto, ke niaj riveroj estos poluataj. La aŭtoritatoj projektas minejojn, kie troviĝas niaj naturaj vivrimedoj. Kiam ni parolas pri konservado de niaj

arbaroj, ne estas nur por nia intereso sed ankaŭ por la panama societo kaj por la mondo.» ***NM***

**La 5an de januaro 2017 OEKE akceptis la plendon de *Survival* kontraŭ *WWF*. Vidu blogon en Esperanto: neniammilitointerni.over-blog.com/2017/01/kameruno-perforto-kontrau-la-bakaoj-la-organizajo-pri-ekonomiaj-kunlaboro-kaj-evoluigo-oeke-ricevas-plendon-kontrau-world-wide-fund.**

**NOTOJ:**

(1) La vorto pigmeo ne nomas etnon. Ĝi venas el la greka vorto πυγμαιος *pygmaios*, "pugnulo", de *pygmé*, "pugno", en la antikva Grekio, mezurunuo, kiu respondis al la longeco de 18 fingrolarĝoj, preskaŭ 35 cm. Komence de la 20a jarcento oni nomis pigmeoj popolojn, ĉe kiuj la meza alteco de viro estas sub 150 cm. Tiun malaltan staturon kaŭzis adaptiĝo al la mediaj kaj klimataj kondiĉoj de la tropika arbaro, kie ili vivas. Tiu termino, ofte pejorativa, koncernas ĉefe loĝantojn de la centrafrika arbaro; oni nomas pigmeoj ankaŭ loĝantojn de sud-orienta Azio (Nov-Gvineo), la papuajn pigmeojn.
(2) Tutmonda movado por la rajtoj de la aŭtoktonaj popoloj. survivalinternational.org/.
(3) La Nacia Parko Buindi-Ĝangalo, angle *Bwindi Impenetrable National Park*, (laŭvorte "Buindi Nepenetrebla Nacia Parko") kovras surfacon de 331 km2. La pluvarbaro de la regiono estas tre malnova kaj konservita en origina stato. Ekde la lasta glaciepoko ĝi pli kaj pli evoluis al la nuntempa amplekso. En la jaro 1994 la parko estis listigita kiel monda natura heredaĵo de Unesko. Vidu eo.wikipedia.org.
(4) Vidu eo.wikipedia.org.
(5) en.wikipedia.org/wiki/Adamawa–Ubangi_languages.
(6) La Kongo-baseno kovras 4 milionojn da km2, kie vivas 93,2 milionoj da homoj laŭ tre varia denseco. Ĝi estas la dua plej granda baseno post tiu de Amazonio. (Vikipedia artikolo franclingva).
(7) France: *Organisation de coopération et de développement économiques (OCDE)*, kaj angle: *Organisation for Economic Co-operation and Development (OECD).*
(8) La artikolo estas subskribita de *Nathalie Gerber Mccrae.*
(9) El la franca: *Bataillon d'Intervention Rapide* (*BIR*).
(10) Laŭ *WWF*, *Global Forest & Trade Network* estas asocio de entreprenoj novigaj kaj respondecaj, defendantaj la atestilon *FSC* (11). Ĝiaj membroj engaĝas sin ĉe *WWF* agnoski la markon *FSC* kaj subteni la vendon de produktoj atestitaj de *FSC*.
(11) Tiu atesto indikas, ke arbara entrepreno estas socie kaj ekologie respektema al la naturmedio kaj respektas la lokajn leĝojn.
(12) rts.ch, 14.12.2016. *Tout un monde*, 8h 10: *Biodiversité: les populations indiennes réclament un dialogue avec les gouvernements*.
(13) Ili mem nomas sin tuloj. Vidu Vikipedio en Esperanto. *Tibor Sekelj*, dum sia vojaĝo mezameriken (1951-1954) vizitis la insulojn *San Blas*, en la regiono *Guna Yala*, teritorio de la tuloj.

**ĈEFAJ FONTOJ:**

- www.survivalfrance.org/peuples/pygmees
- *Le Courrier* 11.11.2016: *le WWF sur le banc des accusés* (*WWF* inter akuzitoj).
- Oni ankaŭ povas trovi raporton pri tiu temo je: ohrh.law.ox.ac.uk/sustainable-conservation-the-rights-based-way-to-save-africas-rainf.



El ***IPS International (Inter Press Service News Agency)***. Aŭtoro: ***Ngala Killian Chimtom.***

**Bakaoj de *Ngoyla* en Kameruno, tenas mapon de la arbaro.**

**La malhelaj areoj montras terojn iliajn, nun malpermesitajn al ili.**

*Eva Poláková,* Slovakio

# MINORITATOJ EN SLOVAKIO

Anoj de naciaj minoritatoj, kiuj estas en longtempa kontakto kun la majoritata kulturo, suferas certajn sociokulturajn ŝanĝojn, kiuj montriĝas precipe en la ŝanĝo de ilia nacia kaj civitana identecoj. La faktoro nacieco (1) estas influata de la subjektivaj opinio kaj konvinko de la unuopaj loĝantoj. Tie montriĝas historiaj, kulturaj, sociaj kaj politikaj kondiĉoj kaj la konkreta situacio, ĉefe en miksaj familioj. La loĝanto povas ŝanĝi sian naciecon pro subjektivaj kialoj dum sia vivtempo.

Je la dato 31-a de decembro 2015, la Slovaka Respubliko havis 5 426 252 loĝantojn. Averaĝe registritaj estas ĉe ni 13-15 naciecoj: la slovaka (85,8%), la hungara (9,7%) kaj la romaa (1,7%) estas oficiale deklarataj, 8-10% estas neoficiale taksataj; ĉeĥa (0,8%), rutena, ukraina, rusa, germana, pola kaj aliaj. (*Slovaka Statistika Buroo, 30.03.2016)*

Konforme al longtempa observado de demografiaj datumoj de la Statistika Buroo de la Slovaka Respubliko montriĝas, ke la nombro de la loĝantoj oficiale deklarantaj sian apartenon al minoritataj naciecoj ne nur malstabilas (precipe laŭ politika kaj ekonomia situacio), sed iompostiome malkreskas – tio validas ĉefe por la tiel nomataj “malnovaj naciecoj”, kiel la hungara, romaa, ĉeĥa, rutena kaj germana. Kontraste, sub influo de la nova enmigrado, lastatempe observeblas ekesto de “novaj minoritatoj eco” el la tria mondo.




**El Vikimedio, 02.09.2009. Aŭtoro: *Qorilla.***

**La slovakaj hungaroj ĉefe loĝas sude, lime kun Hungario.**

### LAŬLEĜA ARANĜO DE RAJTOJ DE NACIAJ MINORITATOJ

En Slovakio, lingvaj rajtoj estas starigitaj per la konstitucio de la Respubliko. Por civitanoj apartenantaj al naciaj minoritatoj aŭ etnaj grupoj estas oficiale certigata la rajto kleriĝi en propra lingvo kaj la rajto uzi tiun lingvon en rilatoj kun ŝtataj oficejoj. Por plibonigi la protektadon de la naciaj rajtoj de minoritatanoj ene de la ŝtato estis aktualigita la leĝo pri ŝtata lingvo kaj uzado de minoritataj lingvoj (numero 204/2011 Z. z). Tiu ĉi aktualigo ŝanĝis la kategoriigon de teritorio, sur kiu eblas uzi minoritatan lingvon en oficaj rilatoj. La minimuma limo de laŭnaciece registritaj civitanoj malaltiĝis de 20% al 15%. Krome, la lingvoj de naciaj minoritatoj komencis esti uzataj ankaŭ en publikaj elsendoj de la slovakaj radio kaj televido.

Oficiale agnoskataj estas la jenaj minoritataj lingvoj: bulgara, ĉeĥa, kroata, germana, pola, romaa, rutena kaj ukraina. Fine de la jaro 2015 komenciĝis procezo pri agnosko de la lingvoj rusa kaj serba. La rusa minoritato estis agnoskita en Slovakio en 2005, ĝi havas dumil registritajn loĝantojn, la serba minoritato registrita en 2010 havas 700 membrojn. Tiuj ĉi du minoritatoj loĝas en Slovakio kiel disaj individuoj, tiel ke ene de neniu municipo ili atingas la postulatan dekkvin-procentan minimumon.

Nuntempe enkadre de la lernejsistemo ekzistas lernejoj kun la lingvoj hungara, romaa, rutena, ukraina kaj germana.

La minoritataj lingvoj en oficialaj rilatoj estas uzataj ankaŭ en kontaktoj kun tribunaloj, civitanaj kaj administraj oficejoj, en radio kaj televido. La amplekso de la rajtoj, kiujn la minoritatanoj realigas, praktike varias laŭ nombro de civitanoj deklarantaj sian apartenon al la unuopaj minoritataj komunumoj. La plej vasta uzado de lingvaj rajtoj laŭ tiu ĉi principo okazas ĉe la hungara minoritato, sekvas la rusa kaj la ukraina minoritatoj. Aliaj naciaj minoritatoj aplikas siajn lingvajn rajtojn en malpli granda amplekso. Malgraŭ tio, ke la romaa nacia minoritato estas reale kaj fakte la dua plej granda en Slovakio (la taksata nombro estas 380 – 450 mil), la romaoj uzas siajn rajtojn nur parte, ĉar nur okdek mil da ili oficiale deklaras sian romaan naciecon.

### LA HUNGARA MINORITATO

La statistikaj datumoj pri nacieco, memidentigo kaj uzado de la lingvo en la lastaj jaroj spegulas asimiliĝajn tendencojn ĉe civitanoj apartenantaj al la hungara, sed ankaŭ al aliaj naciaj minoritatoj. Ĝenerale validas, ke la tipa “nacia identeco” malfortiĝas ĉe la juna generacio, por kiu do sekve oficiala deklaro de propra nacieco ne estas tro grava. Ekzemple, la ampleksa esploro en la jaro 2009 malkovris, ke parto (61,1%) de la jungeneraciaj hungaraj respondantoj ne opinias hungaran civitanecon grava, ĉe maljuna generacio temas pri 55,1%. Kreskas la nombro de miksaj geedziĝoj kaj de familioj uzantaj ambaŭ lingvojn, la slovakan kaj la hungaran.

Ene de pli junaj familioj, 72,4% de la respondantoj parolas hejme nur hungare, en pli aĝaj familioj 82,1%. La hejma dulingveco registrita ĉe la junaj estis 22,4%,

ĉe la maljunaj 14,1%. Homoj vivantaj sur naciece miksita teritorio rekonas la gravecon scipovi ambaŭ lingvojn, sendepende de tio, al kiu nacieco ili mem apartenas. Nur unu procento de la hungaroj rekonis, ke ili ne scipovas la slovakan, 23% asertis, ke ili konas ĝin nur parte. Eblas kleriĝi en la hungara lingvo en ĉiuj lernejaj ŝtupoj, ekde infanlernejoj ĝis universitatoj. Sed tiuj, kiuj trairas la kompletan studtempon nur en la hungara lingvo, pli kaj pli perdas la kompetenton esprimiĝi en la ŝtata lingvo, la slovaka, kaj sekve ne trovas laboron en pure slovakaj regionoj, tial ili ofte serĉas laboron en Hungario.



El Vikimedio,22.06.2006. Aŭtoro: *Marek.Kvackaj*.

***Komárno* situas ĉedanube vidalvide de la hungara urbo *Komárom*. Tiuj du urboj estis nur unu en la Hungara Reĝejo. Ili estis disigitaj dum la Traktato de *Trianon* en 1920, je la fikso de la landlimo de Ĉekoslovakio.**

La hungara minoritato en Slovakio estas proporcie la plej granda ne nur laŭ la nombro de loĝantoj (520 000), sed ankaŭ laŭ la nombro de kulturaj kaj artaj organizaĵoj. Societo de hungaraj verkistoj en Slovakio prizorgas literaturajn aktivecojn, Unio de hungaraj pedagogoj en Slovakio estas aktiva en disvastigo de kleriĝo kaj pedagogiaj aranĝoj. La plej multaj slovakaj hungaroj membras en la nacieca komunumo CSEMADOK, kiu konsiderinde kontribuas al la kultura kaj socia vivo de la minoritato. Kiel ununura nacia minoritato, la hungaroj havas sian propran parlamentan politikan partion, jam ekde la jaro 1998.

POZNAJME SA!
maďarskej kultúry
o, 22. - 25. január 2017
22.01.2017, 16:00
– predstavenie Tanečného divadla Ifjú Szivek
Vstupné: 5 €
25.01.2017, 15:00
pre deti - maďarské a slovenské ľudové tance
ISMERJÜK MEG
A magyar kultúra
Fülek, 2017. január
2017.01.22., 16:00
Bartók 135 – az Ifjú Szivek
Belépődíj: 5 €
2017.01.25., 15:00
Táncház gyerekeknek – magyar és

www.bumm.sk.

**Afiŝo invitanta slovakojn kaj hungarojn festi kune en Bratislavo la tagon de la hungara kulturo, organizitan de la Kultura Centro *Fuleki*.**

En la hungara lingvo aperas 47 periodaĵoj, en la kombino slovaka-hungara publikiĝas ĉirkaŭ 60 periodaĵoj. Pluaj informoj pri kulturo troviĝas sur la retpaĝo de la informa portalo BUMM (2).

### LA ROMAA MINORITATO

Ĉe romaoj la demando de nacieca identeco estas sufiĉe problema. Al tio formale kontribuas ankaŭ la fakto, ke la plejmulto de ŝtatoj de la mondo ĝis nun oficiale ne agnoskas romaan naciecon. En Slovakio ili ricevis la statuson de nacieco en aprilo 1991. Malgraŭ tio ĝis hodiaŭ al la romaa nacieco aliĝas nur 15 procentoj da etnaj romaoj. Tiu formala klarigo tamen en si mem ne klarigas la malaltan nacian identecon de romaoj, pli probable temas pri nevolo aliĝi al historie stigmatita socia grupo.

La romaoj trairis dum la lastaj 50 jaroj tre rapide plurajn evolustadiojn: de genta-triba organizaĵo ĝis konstituo de nacieco. Pere de kultura tradicio ĝis hodiaŭ konserviĝas ĉe ili konscio de daŭra parenceco, interna unueco. Tio manifestiĝas precipe en tradicio de familiaj ritoj (bapto, geedziĝo, enterigo). La baza sociokultura normo en ĉiu romaa komunumo estis la principo de reciproka solidareco, kiu ĝis nun pluvivas.

La romaa etno estas hodiaŭ, pli ol en la pasinteco, interne diferenciĝinta, kulture samkiel laŭ klero, socie kaj parte eĉ subetne. La etna diferenciĝo de slovakiaj romaoj (slovakaj romaoj – vivantaj en la oriento, hungaraj romaoj – vivantaj sude, kaj olaŝaj romaoj – plej longe nomadaj) ne estas tiom frapa kiom en aliaj regionoj. Tiun fakton kaŭzis verŝajne ilia longa malnomada vivmaniero en Slovakio.

Malnomadaj romaoj vivas dissemite en urboj kaj vilaĝoj, aŭ koncentriĝas en romaaj stratoj de urboj kaj vilaĝoj, aŭ en kompletaj kvartaloj kaj urbopartoj, sed ankaŭ en izolitaj loĝlokoj ĉe vilaĝorandoj, aŭ komplete aparte en romaaj setlejoj. Komunumoj de romaoj vivas en 37% de ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, plej ofte ĉe vilaĝaj limoj (40,4% de ĉiuj romaaj setlejoj), 16,6% de la setlejoj estas ekskluzive romaaj. En unu loĝejo estas mezume 7,3 homoj. En Slovakio ne aperas tipaj kazoj de nomada migrado de romaoj (vidu atlason de romaaj komunumoj 2013).



El Vikimedio, 07,05.2008. Aŭtoro: *Lester Kovac*.

***Košice*: tipa domego de *Lunik* IX, unu el la aŭtonomaj kvartaloj konceptitaj en la jaroj 1970. Temis pri tiama projekto por deviga integriĝo de la romaa popolo vivanta proksime de la urba centro.**

La socia pozicio kaj kultura nivelo de la romaoj, same kiel la kvalito de ilia "romaeco", romaa identeco, estas tial tre diversaj ekde romaaj milionuloj ĝis socie malfortegaj familioj, ekde fermitaj komunumoj kun forta triba hierarĥio ĝis relative adaptitaj individuecigitaj familioj, kiuj ne aliĝas al la origina komuneco, serĉante novan identecon.

La romaa lingvo ne estas oficiale kodigita pro la varieco de multaj dialektoj, sed en Slovakio ĝi jam estis normigita surbaze de la orientslovaka romaa dialekto. La romaa lingvo estas uzata precipe en profesia preparado de instruistoj, sociaj zorgantoj kaj policanoj. Ekde la jaro 1991 estas fondataj ankaŭ profesiaj romaaj laborejoj, ekzemple Teatro *Romathan* (*Košice*), Katedro de romaa kulturo en Nitro (nun Instituto de romaologiaj studoj), Meza Artlernejo (*Košice*). Estas eldonataj romaaj periodaĵoj, aliaj publikaĵoj kaj literaturo, ekzistas romaa radia kaj televida elsendado, proponiĝas ebloj studi en pluaj propraj mezlernejoj.

Ĝenerale tamen eblas konstati, ke la romaoj ne havas intereson kleriĝi en sia propra lingvo, eĉ se ili nur malbone regas la slovakan. Kazoj de romaaj klasoj kaj lernejoj, en kiuj estis uzata ankaŭ la romaa lingvo, estis kritikataj flanke de la publiko, sed ankaŭ de eksteraj romaoj, kiel "diskriminacia segregacio", malgraŭ tio, ke la gepatroj de la infanoj konsentis kun tia organizado kaj estimis ĝiajn avantaĝojn. Tamen necesas konstati, ke la eduknivelo de la romaoj estas malalta. Laŭ esploro de UN, en la jaro 2010, en Slovakio finis bazlernejon nur 60% de la respondantoj, kvinono ĝin ne finis, mezan/duagradan edukadon kompletigis 17%, sed abiturientan diplomon ricevis nur 1,8%, kaj ĉe universitatoj studis nur unu procento de la romaa popolo.



http://www.romathan.sk/

**Afiŝo de la teatro *Romathan* en aŭgusto 2011.**

En 2001 ekestis Ofico de plenrajtigito de la slovaka registaro por romaaj komunumoj, kun la celo strategie kaj praktike solvadi la problemojn de la romaa nacia minoritato. Ekde tiu jaro estis aplikata, en pluraj kazoj, speciala pozitiva aliro al romaoj ekzemple en klerigo. Ekde 2012 estas aplikata la civitana samrajteca principo al ĉiuj minoritatoj sen ajna diferenco, tial ni do havas komunan registaran plenrajtigiton por naciaj minoritatoj.

Romaoj plej ofte realiĝas en socio-kulturaj aktivecoj. Estas registritaj proksimume 1400 ensembloj de kantoj kaj dancoj, folkloraj kaj muzikaj grupoj kaj unuopuloj, kaj krome ĉirkaŭ 2800 sportkluboj, en kiuj parte romaoj aktivas, kaj pliaj 47 memstaraj romaaj kluboj. Rilate al la socia kaj politika aktivecoj, tamen, oni nombras nur 4,7% da romaaj parlamentanoj kaj 2,7% da urbestroj aŭ vilaĝestroj (Atlas 2013).

**RILATO INTER SLOVAKOJ KAJ ROMAOJ**

Post la jaro 2000, la rilatoj inter majoritata loĝantaro kaj la romaa minoritato komencis malpliboniĝi kiel konsekvenco de kreskanta senlaboreco. La senlaboreco de romaoj kreskadis pro ilia malalta kleriĝo kaj pro malpliiĝo de nekvalifikitaj laborlokoj. Sekve de tio kreskis la krima agado de tiuj senlaboruloj. La amaskomunikiloj informis pri tiuj ĉi negativaj faktoj ofte troige, kun nenecesa emfazo al la nacieco de krimuloj. Tio firmigis negativajn antaŭjuĝojn kontraŭ la tuta romaa komunumo. Negativaj kontraŭromaaj opinioj en la socio komencis esti misuzataj de ekstremismaj grupoj, kiuj kreadis pozitivan opinon pri si kaj gajnis simpatiojn de ĉefe junaj homoj. En la lastaj elektoj eniris la parlamenton ankaŭ partio kun tre radikala sinteno precipe al naciaj minoritatoj. Nuntempe, la atentemo de la publiko, la komunikiloj kaj la politikistoj fokusiĝis al eblaj problemoj kun migrantoj, rilate al la migra krizo. Do, "romaaj temoj" ne plu staras en la centro de atento.

**KONKLUDE**

Eblas konstati, ke la leĝoj kaj koncernaj leĝaj rimedoj garantiantaj rajtojn de minoritatoj ne nur estas konformaj al la eŭropa leĝaro, sed en kelkaj kazoj staras eĉ super la deviga kadro. Tamen ekzistas problemo praktike apliki tiujn ĉi rimedojn en plena amplekso. La agado en kazoj de policaj enketoj kaj juĝejaj solvoj de rajto-lezoj de minoritatanoj daŭras enorme longe, eventuale estas haltigita kaj tre malofte finiĝas per rezulto favora al la plendanto. Aliflanke necesas diri, ke estas tre malfacile jure pruvi diskriminacion. ***EP***



**El Vikimedio, 01,07.2014.**

**La biologia farmbieno *Malinka*, en *Rudlov*, estis renovigita kaj pligrandigita por krei novajn postenojn kaj sekurigi la jam ekzistantajn, destinitajn al senlaboraj romaoj.**

**NOTOJ:**

(1) En tiu kazo pli taŭgas la termino "etno", sed ni konservis tiun de la aŭtoro. (NdR)

(2) http://www.bumm.sk/

**LITERATURAJ FONTOJ:**


- *ATLAS rómskych komunít na Slovensku 2013. Bratislava*: UNDP 2014. ISBN 978-80-89263-18-9.
- *BUMM*: www.bumm.sk/.
- Slovenský štatistický úrad: https://slovak.statistics.sk/
- *POLÁKOVÁ, E . 2010. Vplyv médií na (in)toleranciu majority k Rómom. In Tolerancia a intolerancia v spoločnosti. Bratislava: Melius,* 2010. ISBN 978-80-970630-0-9. S. 86-100.
- *Poláková, E.* 2013. *La minorité hongroise de Slovaquie* 2013.
- *In: L´expression médiatique de la diversité culturelle en Europe centrale et orientale / sous la direction de Danuša Serafínová et Michel Mathien. - Bruxelles : Éditions Bruylant*, 2013. - (*Collection Médias, Sociétés et Relations Internationales*; 15). - ISBN 978-2-8027-3801-5. - ISSN 1782-3358, S. 123-140.
- *Poláková, E. 2014. Stereotype approaches to media presentation of the Roma. (KO)MEDIA: Konteksty dyskursu medialnego CeDeWu Sp. z.o.o; Ksiegarnia Ekonomiczna Warszawa*, 2014. S.387-395 ISBN 978-83-7556-660-4
- *Poláková, E. - Spálová,L. - Szabo, P. 2013.Spreading Discrimination in the Social Network Facebook Environment. In: Actes du colloque international EUTIC 2012 17-18-19 octobre* 2012 *Université de Lorraine site de Metz. Metz: Université de Lorraine, Centre de recherche sur les médiations*, 2013. ISBN 978-2-7466-5447-1, S. 87-98.


*Nicolas Xil Carvalho*

# RUĜAJ LINIOJ EN TURKIO

Ĝis kiam pretas atendi Eŭropa Unio por sincere postuli klarigojn de Turkio? Ne perturbas, ŝajne, la persekutoj kaj murdoj de kurdoj, la silentigado de la kritikaj voĉoj, la purigado farita en la Administrado... Du respondeculojn kaj naŭ deputitojn de la PDP (1) oni enkarcerigis hieraŭ (2). *Recep Tayyip Erdoğan*, la prezidanto de Turkio, faras kion li volas. Kion li volas kaj kiel li volas. Senpuneco tuj apud la Eŭropa Unio. Nun li estas najbaro de la Eŭropa Unio, sed membro volas esti. Antaŭlonge oni komencis la negocadojn por ke tio iam povu esti.

"Ni esperas, ke Turkio respektos sian parlamentan demokration, inkluzive la homrajtojn kaj leĝojn", laŭ la diro de *Federica Mogherini*, ĉefo de la ekstera politiko de la Eŭropa Unio. Pasintan mardon *Martin Schulz*, la prezidanto de la Eŭropa Parlamento, deklaris ke Turkio transpasis la ruĝajn liniojn de la esprimlibereco pro la operacio kontraŭ la ĵurnalo *Cumhuriyet*. "Mi fajfas pri viaj ruĝaj linioj", orgojle respondis *Binali Yildirim*, la ĉefministro.

Turkio minacis Eŭropan Union: paŝojn ĝi volas, por ke la turkoj povu senvize eniri Eŭropon; se ne, ĝi forlasos la traktaton pri migrado – interkonsento, laŭ kiu Turkio retenas kaj forsendas rifuĝintojn. Se estos tiel, ruĝa linio estos ne por Turkio, sed por Eŭropa Unio, kaj ĝi daŭre englutos ĉion, kion faros *Erdoğan.* ***NXC***

**Notoj**

(1) Partio Demokrata de la Popolo (PDP)/*Partiya Demokratik a Gelan* (PDG) en la kurda. *Halklarin Demokratîk Partisi* (HDP), en la turka.

(2) Originale aperis en la eŭska ĵurnalo *Berria* la 5-an de Novembro 2016-a. Aŭtoro: *Jakes Goikoetxea*.

Tradukis el la eŭska: *NXC*. Decembro 2016-a.

Provlegis: *Aitor Arana* kaj *Dominik Schram*.

Jon Rejado

# "NIA ĈEFA PROBLEMO ESTAS LA PERDO DE IDENTECO"

*Alba Velasquez*, parolanto de la kakĉikela kaj estro de la lernejo *Ixmukane*

**Post la subskribo de la Gvatemalaj interkonsentoj pri paco, kvankam iamaniere oni agnoskas la lingvon, *Velasquez* opinias, ke la ŝtato devas pli protekti ĝin.**

*Alba Velasquez* (*Iximche*, Gvatemalo, 1979) loĝis dum kelkaj semajnoj de la pasinta aŭtuno en la eŭska urbeto *Eskoriatza* [Eskoriaca]. Tie ŝi partoprenis la kurson "Strategioj por la Revigligo de la Lingvoj" organizitan de *Garabide*, eŭska neregistara organizo, kiu proponas al la aktivuloj de aliaj minorigitaj lingvoj kursojn por kundividi spertojn kaj difini strategiojn por la revigligo de lingvaj komunumoj, kaj de *Huhezi*, Universitata Fakultato pri Humanismaj kaj Edukaj Sciencoj en tiu urbo. Kun *Alba Velasquez* partoprenis la kurson pliaj dek sep reprezentantoj de amerikaj indiĝenaj komunumoj.



***Lenguas de América.***
**oihaneder.eus/es/events/hego-amerikako-hizkuntzak/.**
***Alba Velasquez*, dekstre, kun du aliaj kursopartoprenantoj.**

Kiel dirite, la ĉeestantoj lernis kaj pripensis strategiojn por revigligo de la lingvoj. Krome, ili partoprenis kaj kundividis spertojn en prelego okazinta en la urbo *Gasteiz* kaj ĉeestis la feston *Nafarroa Oinez* subtenan al la eŭsklingvaj lernejoj.

*Velasquez* estas parolanto de la kakĉikela lingvo, unu el la majaaj lingvoj parolataj en Gvatemalo kaj estas direktoro de la lernejo *Ixmukane*.

**Vi komencis la kurson antaŭ kelkaj semajnoj, ĉu vi jam atingis ion interesan?** La problemoj kiujn ni havas por revigligi niajn lingvojn estas tre similaj al tiuj, kiuj okazis ĉi tie (en Eŭskio). La okazintaĵoj de la ekmalapero de niaj lingvoj kaj la kunteksto malsimilas, sed la konsekvencoj estas preskaŭ la samaj.

**La kakĉikela havas nuntempe 500 000 parolantojn…** Mi pensas ke ĝia situacio nun pliboniĝas. Post la subskribo de la Interkonsentoj pri Paco en Gvatemalo pluraj movadoj estis kreitaj favore al la indiĝenoj, al la tero, al la lingvo. Ni havas jam la protekton de pluraj leĝoj.

**Ekzemple?** En Gvatemalo ekzistas 21 majaaj lingvoj. Nuntempe oni leĝe agnoskas, ke ili estas lingvoj, kvankam ili ne estas oficialaj. Krom la lingvaj normoj, oni kreis instituciojn: la Akademion de la Majaaj Lingvoj, la Ĝenerala Direkcio de la Dulingva Edukado.

**Tiusence, ĉu vi pensas ke mankas io?** Mi kredas ke al tiuj institucioj mankas financa subteno, kaj ankaŭ apogo fare de la ŝtato. Sed nia ĉefa problemo estas la perdo de identeco.

**Kial?** Sur ni pezas la historio de nia lando. Multaj gejunuloj preferas ne agi kiel indiĝenoj, kaj perdis siajn identecon kaj lingvon. Sed ankaŭ estas gejunuloj, kiuj agas kontraŭ tiu perdo. Ekzemple kelkaj muzikas en la kakĉikela.

**Ĉu la klopodoj revigligi la kakĉikelan estis bone akceptataj en la socio? Ĉu iuj kontraŭas?** La ŝtato, kiu havas malpli da intereso por la disvolvigo de la lingvo, de la kulturo kaj de la homoj. Sed la interkonsentoj pri paco devigas la ŝtaton al tiu disvolvigo. Kontraŭis ankaŭ la gepatroj, ili ne volis, ke la gefiloj suferu tion, kion ili kaj la antaŭuloj suferis ĉar ili ne parolis la hispanan. Ankaŭ la instruistoj kontraŭis.




El Vikimedio, 05.03.2007. Aŭtoro: *Chabacano*.
**Lingvoj en Gvatemalo laŭ la donitaĵoj de la Komisiono pri Oficialigo de la Indiĝenaj Idiomoj de Gvatemalo.**

**Vi estras lernejon. Kiel vi agas?** La plej bona strategio – laŭ kiu ni agas – estas la kompleta lingva mergado. Tiel ni povos montri, ke la infanoj povas lerni pere de sia lingvo. Kaj ili senprobleme lernos ankaŭ la hispanan. Krome ni povos bone labori kun la familioj por ke ili ŝanĝu sian vidpunkton pri la lingvo.

**Vi menciis dudek unu majaajn lingvojn. Kiaj estas la rilatoj inter ili?** Ni ĉiuj estas majaoj, indiĝenoj. Ĉiu regiono prilaboras la lingvon laŭ sia maniero, sed ni ne interbatalas. Se iam eble okazas disputoj ene de la regionoj, ilin kaŭzas la ekzisto de dialektoj kaj pro emo krei unuigitan lingvon.

**Por fini, tri mallongaj demandoj:**

**Kio estas lingvo por vi?** Mi mem. Mia pasinteco. Mia historio. Mia popolo. Miaj radikoj. Mia vivo.

**Unu revo?** Ke ĉiuj homoj de mia komunumo estu parolantoj de la kakĉikela.

**Unu vorto en via lingvo.** *B´anob´äl* (la kulturo kiu enhavas mian lingvon, nia mond-rigardo)

**Intervjuo eldonita de la eŭsklingva ĵurnalo *Berria***

**Tradukis:** *Xabier Rico Iturrio*

# KONCIZE EL …

**USONO - Provizora venko de siuoj kontraŭ oleodukto.** Jam de longe siuoj de Norda Dakoto batalas kontraŭ la konstruo de la oleodukto *Dakota Access* rande de sia rezervejo. La 4an de decembro inĝeniera instituto ligita al la Ministerio pri Defendo taksis necesaj pliajn studojn por decidi pri la pravo de la plendoj de la aŭtoktonoj. Tio haltigas por nun la konstruon de segmento de la giganta tubo. Sed eble ne porlonge: la nova prezidanto *Trump* des pli favoras tiun projekton, ke li posedas akciojn de la firmao, kiu devus konstrui la oleodukton. Malgraŭ tiu antaŭvidebla obstaklo la venko de la siua tribo, festita la tagon mem en neĝokovrita pejzaĝo tute apuda al la koncernata loko, donis novan elanon al la kontraŭstarantoj, al kiuj aldoniĝis aliaj indianaj triboj kaj pliaj aktivuloj pri mediprotektado. *AF*

**PERUO - Nacia parko kun izolitaj triboj minacata de nafto-ekspluatado.** Situanta sur la landlimo inter Peruo kaj Brazilo, *Sierra del Divisor* estas majesta arbara loko kun dentoforma pinto. Sur la perua flanko estis oficiale kreita en novembro 2015 nacia parko, post statuso de simpla "rezerveja areo". Kun preskaŭ 15 000 km$^2$ da surfaco, tiu parto de Amazonio entenas rimarkindan biodiversecon kaj tie vivas pluraj indianaj triboj, el kiuj iuj deziras ne kontakti la "civilizacion". Sed, malgraŭ la promesoj de la aŭtoritatoj, tiuj "izolitaj" homoj baldaŭ riskos timigajn renkontojn: verŝajne nafto-kompanioj en proksima estonteco ricevos ekspluat-permesojn kaj jam pretas malfermi vojojn en la arbaro por la unuaj esploroj. Progreso ja malfacile haltigeblas… *AF*

**BOCVANO - Boŝmanoj ne plu rajtas ĉasi en sia rezervejo.** Jam de pluraj monatoj policaj patroloj, ekipitaj kun aviadiloj kaj helikopteroj varmdetektile provizitaj, malhelpas la loĝantojn de la Centrakalahara Rezervejo ĉasi bestojn por sin nutri, kiel ili faras de jarcentoj. Cetere tiu tradicia rajto estis agnoskita en 2006 de la alta kortumo de tiu lando. La ĉasbestoj estas antilopoj el ne minacataj specioj, cetere ne elefantoj nek rinoceroj, kiuj fakte ne ekzistas en tiu rezervejo. La policanoj uzas perfortajn metodojn, interalie batadon kaj torturon, traktante la boŝmanojn kiel ŝtelĉasistojn. Entute ŝajnas, ke Bocvano lanĉis de kelka tempo kontraŭ-indiĝenan politikon, eble por rekte disponi pri novaj teritorioj, kie pagantaj ĉasistoj kaj min-ekspluatantoj povos libere disvolvi sian aktivadon. *AF*

**MALIO - Nigraj tuaregoj volas partopreni la pac-diskutojn.** La komunumo *Kel Tamasheq* – nigraj tuaregoj - organizis inter la 22-a kaj 24-a de decembro konferencon en Bamako por montri, ke ĝi ekzistas kaj deziras ludi rolon en la negocadoj pri la estonto de *Azawad*, la norda parto de Malio, ankoraŭ nun ne "repaciĝinta" kaj kie ĝihadismaj grupoj plu aktivas. Kvankam ĉiam lojala rilate al la centra registaro de la lando, tiu komunumo plendas interalie, ke malgraŭ sia nombra graveco ĝi havas tre malmultajn delegitojn en la provizora aŭtoritato administranta la nordon de la lando. Kvankam tute tuareg-kultura, tiu komunumo estas malestimata de la blankaj tuaregoj, kies prapatroj antaŭ ne tiom longe plu sklavigis tiujn de la nunaj *Kel Tamasheq*. Kaj la loĝantoj de la suda parto de Malio tamen vidas en ili unue tuaregojn. Jen ne facila situacio en cetere komplika, multflanka konflikto. *AF*

**OKCIDENTA SAHARO - Novaj manovroj kontraŭ *Polisario*.** Eksa hispana kolonio, Okcidenta Saharo estas nun fakte okupaciata de Maroko. Sed de tre longe okazas gerilo en tiu dezerta lando, kondukata de la fronto *Polisario* kun subteno de Alĝerio. La celo estas atingi sendependan ŝtaton plene agnoskitan internacie. Tiu sendependemo estis apogata de granda parto de la afrikaj ŝtatoj, kio kondukis Marokon al forlaso de la Organizaĵo por Afrika Unuiĝo en 1984, kiam okcidentsahara delegitaro estis male oficialigita. Sed dum la tuta jaro 2016 Maroko grandskale manovris por esti reakceptita en la Afrika Unio (nova nomo por OAU) kaj jam trovis subtenon de multaj ŝtatoj. Krome en decembro la Eŭropa Kortumo malakceptis peton de Alĝerio – nome de *Polisario* – nuligi agrikulturan interkonsenton inter Maroko kaj Eŭropa Unio. Post tiom da subteno al la ŝarifa reĝlando oni rajtas sin demandi, ĉu la planita referendumo en Okcidenta Saharo sub respondeco de UN ne okazos en plej fora… estunto. *AF*




## INFORMILO 78

**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**

**Honora prezidanto:** *Uwe Joachim Moritz*



**Fotis en Nitro:** ***Dorián Ertl.***
**Kvar estraranoj kongresumis en Nitro.**

### IKEL EN NITRO

Kvankam kun modera nombro da partoprenantoj, precipe kompare al Lillo en 2015 (veras, ke temis tiam pri la 100a!), la 101a UK en Nitro (*Nitra*, Slovakio) estis aparte agrabla, kun aspektoj de *Garden party* en granda universitata parko kaj enplekto de la loka loĝantaro pro la multaj artaĵoj, kiuj okazis urbocentre malferme al ĉiuj. Ankaŭ la preskaŭ fina paradmarŝo de la kongresanoj en la nitraj stratoj estis tre simpatia kaj sukcesa. Ni do deziras niavice – ĉar multaj jam tion faris – plenkore danki al la organizantoj de tiu kongreso.

**La movada foiro** okazis ekstere, sabaton vespere, kiam malfortiĝis kaj poste malaperis senkompata suno. Kiel kutime la asocioj estis multegaj kaj la disponebla loko tre mallarĝa, oni ankaŭ devis atenti por ne fali en tuj apudan kanaleton, sed abundis vizitantoj. Ni povis konstati, kiel kutime, ke la revuo ***Etnismo*** plaĉas al la publiko. Revo mia estus, ke fotoj, eĉ mapoj estu kolorplenaj, sed rigardu la unuajn numerojn de ***Etnismo*** sur la retejo kaj komparu kun la nunaj, vi povos konstati kiom la novaj teknikoj ebligis progreson en la prezento kaj eble deziros kontribui al ĝia pludaŭro.

**La fakan prelegon** vi eble jam legis en tiu ĉi numero; temas pri prezento de Prof. *Eva Poláková*, kiu ankaŭ estis rektoro de la Internacia Kongresa Universitato. Ni tre timis pro unuarangaj konkurencaj programeroj, tamen multis homoj en la salono kaj ekestis interesa diskuto post la prelego, kiun ni bedaŭrinde ne povis registri. Al Prof. *Poláková* ni dankas almenaŭ tiom varme, kiom cetere varmis en la salono – ja malfacilas klimatizi universitatojn, kiuj ne kutimas akcepti publikon somere.

**Oficiala membro-kunveno** ne okazis en 2016. Normale ĝi devus esti planita en 2017 sed ni ankoraŭ ne scias, ĉu sufiĉe da **IKEL**-anoj partoprenos la Universalan Kongreson en Seulo. Tiuj, kiuj tion intencas fari, bonvolu sciigi la redakcion de ***Etnismo***. Despli, se vi havas ideon pri prelego kaj pregunto, ĉefe pri orientazia temo.

*Alain Favre*



***Alain Favre*** **gvidas la debaton dum la faka prelego kaj Prof.** ***Eva Poláková*** **respondas la demandojn.**

## Karaj Legantoj,

Vi ricevas tiun ĉi numeron kun unu monato da malfruo. La redaktorino petas vian pardonon pro tiu granda malfruo. Vi rimarkis, ke ni datigis tiun ĉi numeron je la tempo, kiam ĝi devintus aperi, tio estas la 31an de decembro 2016. Ni faras tion por montri, ke la numero apartenas al la kotizo de la jaro 2016. Sed vi ankaŭ notis, ke paradokse en la numero aperas du informetoj de la komenco de 2017. Ni ne povis eviti tion kaj esperas je via kompreno. Ni deziras al vi bonan legadon.

*Nicole Margot*